




1/1998
Januaro/Februaro
Bulteno de Hamburga Esperanto
Societo r. a.

# Invito

**al la jarcxefkunveno de
Hamburga Esperanto-Societo
Loko:
Esperanto-Domo, Klaus-Groth-Str. 95, 20535 Hamburg
Dato:
Jxauxdo, 26a de Februaro 1998.
20a horo**

**Detaloj**

| Enhavo | Editorajxoj |
|---|---|
|  | Redaktofino de<br>n-ro 3/98: 15 - 03 - 1998 |

| | |
|---|---|
| 11. Nacia kongreso de francaj fervojistoj | Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*<br>Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg<br>Tel/Faks: +49 40 250 30 65<br>Cxefredaktoro: Benno Klehr,<br>Oelkersallee 31, D-22769 Hamburg,<br>Tel. +49 40 43 51 97<br>eMail: EsperantHH@aol.com |

| | |
|---|---|
| La HES Klubejo estas malfermita Jxauxde ekde 19:00 h.<br>Programo: 20:00 h.<br>GIS: kunvenoj lauxbezone;<br>Informoj:<br>Tel. (040) 58 71 82 aux 738 45 08 | Das Haus des Esperanto Vereins Hamburg ist geöffnet donnerstags ab 19:00 Uhr.<br>Programm: 20:00 Uhr<br>GIS: Zusammenkünfte nach Bedarf;<br>Information:<br>Tel. (040) 58 71 82 oder 738 45 08 |

**Sentenco**

Libroj estas amikoj
kiam oni pruntedonas ilin,
ili cxagrenas kaj ne revenas.

NN

Enhavo

---

**Karaj legantoj!**

La nova jaro bone komencigxis en nia Esperanto-Domo.

Al la jxauxdaj klubvesperoj venas proksimume 20 membroj, kiuj interesigxas pri niaj programoj.

Ni povas bonvenigi du novajn membrojn en HES kaj GEA: Estas s-ino Brigitte Wohlers kaj s-ro Rudolf Haberland.

Jam ni ricevis novajn impresojn per raporto der s-ro Haberland pri la SAT-kongreso en Peterburgo. Ni cxiam gxojas, kiam membroj de si mem aktivas en la arangxado de la kluba programo.

Benno Klehr

Enhavo

---

**Jarcxefkunveno de Hamburga Esperanto-Societo**

Loko: Esperanto-Domo, Klaus-Groth-Str. 95, 20535 Hamburg

Dato: Jxauxdo, 26a de Februaro 1998, 20a horo

La tagordo de la jarcxefkunveno havas la kutiman aspekton. Gxi enhavas jenajn punktojn:

1. Jarraporto
2. Kasraporto
3. Raporto de la revizoroj
4. Raporto de la konsilantaro
5. Sensxargxigo de la estraro
6. Elektoj
7. Bugxeto kaj korizoj
8. Diskuto kaj decido pri proponoj
9. Diversajxoj

Atentu!
Proponoj al la jarcxefkunveno devas atingi la estraron gxis la 12a de Februaro 1998.

La estraro

Enhavo

---

## Mastr(in)o sercxata

Kiu el niaj membroj estas preta, Jxauxde vespere malfermi la klubejon, prizorgi trinkajxojn kaj enkasigi monon? Ecx se estas nur unu fojo, tio kam estus tre bonvena helpo al la estraro kaj la aktivuloj.

Kuragxu, ne estas malfacila laboro!

Enhavo

---

Germana Esperanto-Kongreso en Dresden

de la 29a de Majo gxis la 1a de Junio
"Klerigo, kulturo kaj Esperanto"

Kotizo por GEA-membro: 90 DM
La hotelo estas eksterordinare favorpreza:
Tranokto en unulita cxambro 59 DM, dulita po 49 DM

Aligxiloj en la klubejo aux cxe GEA (Esperanto aktuell)

Enhavo

---

Euxropa Semajno

Cxi-jare ni havos standon fine de Aprilo/komence de Majo antaux la urbodomo de Hamburg.
Helpantoj sercxataj!

La estraro de HES

Enhavo

---

**Programo de HES**

| Februaro | Marto (Aprilo) |
|---|---|
| **8** *Rudolf Haberland:*<br>Rakontoj pri la SAT-kongreso en St. Peterburgo de "Jub Krudulo"<br><br>**12** *Frank Merla:*<br>Interreto<br><br>**19** *Karin Lencki kaj Constant Borremans:*<br>Euxro-kvizo<br><br>**20a gxis 22a** ELTEKO-6 ne okazos<br><br>**26** La jarcxefkunveno de HES<br><br>**28 Sabato** "Harema Festo" kun ventrodancado - bonvolu anoncigxi - kotizo 15 DM por la malvarma bufedo | **5** *Rüdiger Sachs*<br>raportas pri sia nuna laboro<br><br>**12** *Werner Bormann:*<br>Homaj Rajtoj - prelego<br><br>**19** *Benno Klehr:*<br>Lingvaj ludoj<br>Kvizo aux enigmo<br><br>**26** *La cxeestantoj:*<br>Preparkunsido por la Euxropa Semajno en Hamburg<br><br>**9-a de Aprilo**<br><br>Ovokunveno |

Enhavo

---

Interreta adresaro

Novaj elektronik-posxtaj adresoj:
Ili estas: Kai.Poehlmann@Esperanto.De kaj Sylvia.Poehlmann@Esperanto.De

Enhavo

---

# Cxu vi jam pagis vian kotizon por 1998?

La kasisto gxojas pri frua pagado.

Enhavo

---

**Nova medio por Esperanto: Interreto**

Komunikado farigxas pli kaj pli grava en la industriaj landoj. Dum la evoluo de la komunikado per la lingvoj relative lamas, la elektronikaj kanaloj sternigxas eksplode: Telefono, radio kaj televido farigxis kutima al preskaux cxiu homo. Ankaux pri fakso la plej multaj homoj scias, ke per gxi oni intersxangxas dokumentojn per faksiloj kaj la telefonkonekto. Vi enmetas la paperan leteron en faksilon, elektas la telefonnumeron de la alia faksilo kaj post kelkaj sekundoj la fora aparato printas vian tekston por la adresato.

En interreto okazas preskaux la samo. La diferencoj estas: La leteron vi produktas per komputilo, kiu enhavas aparaton simila al faksilo (cetere per gxi oni ankaû povas faksi, sed ne paperajxojn) kaj nomiêas modemo. Post la elektado de telefonnumero la elektronika posxtajxo estas sendata en la elektronikan posxtkeston de via korespondanto. Tiu posxtkesto trovigxas kutime ne en la komputilo de via amiko, sed en tiu de sia "servilo".

Ja eblas rekte komuniki per via komputilo-telefonlinio-lia/sxia komputilo - kvazaux kiel per faksilo senpapera, sed tio ne estas per interreto kaj vi devas pagi altajn telefonkostojn ekzemple por telefonvoko al Japanio. En interreto vi komunikas per via komputilo/modemo-telefonlinio-komputilo de via servilo-telefonlinio(j)-aliaj komputilo(j)-telefonlinio-komputilo de la servilo de via amiko-telefonlinio-lia/gxia modemo/komputilo. Jen la interreto. Pagendas la malaltaj telefonkostoj gxis la komputilo de via malfora servilo (ekzemple en la sama urbo) kaj la kotizon por via servilo: cxirkaux 10 Pfenigojn por unu letero, do entute 22 Pfenigojn. Ecx ekzistas senkostaj serviloj, sed ili estas malrapidaj tiom, ke vi kauxzas pli altajn telefonkostojn.

Kompreneble la servilistoj ne vivas de viaj retposxtajxoj. Oni ofertas kromajn servojn, ekzemple la eblecon virtuale vagadi de unu servilo al alia. La plej konata reto estas TTT (tut-tera-teksaîo), en la angla WWW (World Wide Web). En gxi vi povas trovi allogajn "pagxojn" kun buntaj bildoj, ecx sonojn kaj videoprezentajxojn - kaj kompreneble reklamon. Per tio la servilistojoj vivas.

Tamen, la ofertitaj informoj estas amasegaj, kaj ofte suficxe utilaj (ekzemple pri Esperanto kaj verkoj en Esperanto) ke indas havi interretan ligon. Jam multaj Esperantistoj havas interretan konekton. Estas nur la demando cxu vi pretas elspezi kelkajn (ek de 2) mil Markojn por komputilo kaj la kostojn de la servilo kaj telefono. La mono cxiukaze estas preskaux for, cxar se vi volus vendi vian komputilon post kelkaj malmultaj jaroj, gxi validus kvazaû neniom.

Tamen elspezinte tiun monon, estas suficxe facile akiri ligon al interreto: Vi acxetas magazinon pri komputiloj, kiu enhavas kompaktdiskon kun la programoj instalantaj konekton al servilo. Oni ofte ofertas senpagan konekton dum certa tempo. La plej grandaj serviloj en Germanio estas AOL, Compuserve, T-Online, Microsoft-Network.

Cetere estas konsilinde sxangxi sian telefonkonekton al ISDN, cxar gxi estas multe pli tralasema la datumojn ol normala (analoga) telefonkonekto kaj do sxparas kostojn konsiderinde. Logike, ke ankaux en la komputilo devas esti ISDN-modemo.

La spertoj montras, ke ofte estas pli konvene skribi (mallongan, rapidan kaj malmultekostan) elektronikan posxtajxon. ol paperan leteron aux telefoni kun telefonrespondilo. Ekzemple antaux nelonge anoncigxis kiel gasto brazilano cxe Hamburga Esperanto Societo per interreto. Estas alloge spekti la elektronikajn pagxojn kaj estas pli malpli demando de tempo, ke ankaux ne eperantistaj homoj vizitas pagxojn en elektronika Esperantujo. Tie oni povas senpage sekvi kursojn de Esperanto kaj sperti, ke Esperanto vivas.

En tiu kampo kusxas nova ebleco diskonigi Esperanton kaj estas ege interese sekvi tiun evoluon. En radio kaj televido la prezento de esperantajxoj dependas de komercaj kondicxoj dum en interreto la privata prezentado de Esperanto estas facile ebla kaj pli kaj pli farata. Tial ankaux Esperanto Hamburg havas sian pagxon en interreto: Oni ne bezonas apartajn profesiajn grafikajn kvalifikojn por fari belaspektan pagxon kaj la distribuo estas realtive malmultekosta.

Se vi ankoraux ne estas konvikita konektigxi al la elektronika internacia mondo kaj tamen volas proveti iom la reton: Vizitu kafejon kun interretkonekto kaj tie vi tajpu: http://www.esperanto.de aux http://members.aol.com/EsperantHH.

*Frank Merla*

Enhavo

---

**Nacia Kongreso de la francaj fervojistoj**

Francaj fervojaj esperantistoj okazigos jarkunvenon de la 31- de aprilo gxis la 5-a de majo en cxemara urbeto "Plestin-les-Greves" (norda Bretonio). En la programo estos, inter alie, vizitoj de cxemaraj kaj historiaj lokoj.

Informoj kaj aligxilon, bonvolu peti cxe:

Jean ROLLAND
Le Beudrec
FR-56950 Crac'h.
Tel: +33-2-97551755

